2ª jaro - Nº 5 (12) (Publication mensuelle) Majo 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

*Nun alvenis la solena momento:*
*Se via abono finiĝis, vi rajtas ĝin plilongigi.*

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *). . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# La nekonata soldato

Tie li kuŝas — modesta la tombo,
Kiel konvenas al lia agad'.
Li ja laboris sen ia aplombo,
En milradaro sin sentis nur rad'.

Altajn postenojn li ne ambiciis,
Sed ĉiam pretis, se estis bezon' :
Kiam ajn io nebone funkciis,
Tuj li sin metis je plena dispon'.

Stelon li ĉiam elmontris fiere,
Frontis demandojn per scia kviet',
Mokojn aŭskultis indulge, tolere,
Venkis per sia trankvila ridet'.

Ĉiam regule li pagis kotizon,
Grupajn kunvenojn vizitis sen mank',
Eĉ ekstervice grupkasan la ftizon
Helpis kuraci sen celo je dank'.

Li estis membro de l' universala,
Ankaŭ — sendube ! — de l' fak-asoci' ;
Krome leganto de l' oficiala
Kaj de aliaj gazetoj dek-tri.

Librojn aĉetis li tre diligente,
Varbofoliojn disdonis laŭ pov',
Ĉiam mallaŭte, senbrue, silente ;
Kaj ja ne vana montriĝis la prov'.

Tamen ne kredu lin homo havriĉa !
Etis nur lia enspezocifer' ;
Sed li sin sentis plej multe feliĉa,
Sin oferante por granda l' Afer'.

Tiel li agis, oferis kaj varbis :
La nekonata kaj simpla soldat'.
Lian rikolton aliaj surgarbis,
Dum lin kaperis la Granda Pirat'.

Tiel li vivis, kaj tiel li mortis.
Nun li jam kuŝas en eta ter-spac'.
Eĉ la gazetoj pri li ne raportis...
Sed tutegale ! — Li dormas en pac'.

(tojo)




# Medalojn ! Medalojn !

Kiam ankoraŭ ekzistis riĉaj popoloj, ili kutimis rekompenci fidelajn servintojn per rentoj kaj pensioj. Nun, ĉar mankas mono, oni disdonas honorojn : Medalojn.

Ni, Esperantistoj, estas popolo kortuŝe malriĉa, kaj tamen ni ne havas medalojn. (De kiam mortis I.C.K. oni ne plu povas paroli pri ĝia medalo.) Tie estas manko.

Por distingigi fervorajn propagandistojn, sukcesajn pionirojn, noblajn mecenatojn, ni ne havas alian rimedon ol ilin elekti Lingvkomitatanoj. Dum la heroaj tempoj oni povis ankoraŭ ilin nomi prezidanto de io. Sed nun tiu varo tiom abundas sur la Esperanta merkato, ke la titolo ne plu allogas.

Kaj tiel okazis, ke hodiaŭ ni povas kalkuli inter niaj L.K.-anoj tro grandan nombron da homoj, simpatiaj — jes, multmeritaj — certe, kaj kompetentaj pri ĉio krom pri lingvaj aferoj. Tiel okazis, ke nia lingva institucio perdis la ĉefparton de sia aŭtoritateco kaj ke pri pretigo de necesegaj fakvortaroj devas okupiĝi neoficialuloj. Mankas ĝenerala plano, mankas unueca metodo, ĉar mankas... medaloj !

Tial, ĉar iel ni devas rekompenci sindonemajn subtenantojn, ni tre serioze postulas la kreon de diversaj ordenoj kun belaj medaloj :

Por propagandistoj de l' Interna Ideo : La ordeno de l' Verda Stelo.

Por malnovaj kursgvidantoj : La ordeno de l' Nigra Tabulo.

Por maljuniĝintaj pioniroj : La ordeno de l' Griza Barbo.

Por malavaraj mecenatoj : La ordeno de l' Ora Kaso.

Plue, ĉar medaloj, precipe, kiam ili estas el malmultekosta kartono, ne faras sufiĉe da bruo, niaj direktantaj instancoj povus decidi, ke la kavaliroj rajtos porti apud la medalo unu sonorilon, la oficiroj du kaj la komandoroj almenaŭ tri sonorilojn, kiel la svisaj bovinoj. Tiel, ke dum niaj kongresoj estos bela koncerto.

Intertempe nia L. K. povus senbrue fari utilan laboron.

LA DEĴORANTA PIRATO.

---



# Nia Reklamo

Kun tiu ĉi numero finiĝas la unua jaro de La Pirato, kaj, koincide kun la abontempo, ankaŭ niaj reklamkontraktoj alvenas al sia fino. Konscience, kiel ni ja kutimas, ni plenumis nian devon. Laŭ la konsentitaj kondiĉoj, ni enŝovis en niajn artikolojn la nomojn de niaj reklamabonantoj. Ni informas la interesatojn, ke ili devas tuj kaj senprokraste renovigi sian kontrakton, se ili deziras plue profiti la avantaĝojn, kiujn ni proponis al ili. Kontraŭ respondkupono aŭ egalvaloro ni volonte sendas niajn tarifojn. Tarifo A : simpla cito. Tarifo B : duon-ĝentila aludo. Tarifo C : vigla atako. Tarifo D : kalumnio kaj sonoraj insultoj.

La lastan tarifon ni rekomendas speciale al ĉiuj, kiuj deziras rapide akiri certan famon en Esperantujo.

*Memorinda dato : 16-a de Junio 1934-a.*
*La ŝipo forte balanciĝos.*

# Oficiala Raporto

## pri ĝenerala kaj aparta agadoj de "LA PIRATO" dum jaro 1933-a (ne legota okaze de la vespermanĝo de la 16-a de Junio 1934)

---

*Enkonduko.* — Preskaŭ somera kaj jam arda soifo anstataŭis en nia brusto la sopiron al printempa dolĉa tremeto de l'verdiĝantaj kaj pro l'venteto — parfumita je kamparaj odoroj — balanciĝantaj burĝonoj, kiuj, kiel sciate, orname garnas la unikan arbuston de nia birdkorta haveno. Kaj, senplue, ni decidis raporti pri agado nia, aŭ kvazaŭ tia.

*25-a Universala Kongreso.* — Nia speciala sendito (tiu, kiu havas verdajn harojn, tatuaĵojn sur la lumbo, kiu scipovas kraĉi tridek kvar futojn for kaj korekte parolas nian lingvon) konstatis kun nekaŝita ĝojo la unuecigon de R. K. K., G. N. K. K., A. B. N., Z. N., A. T. M., K. T. N., K. T. P., k. a.

*Nova A. E. U.* — La lerta kaj plaĉaspekta sintezo de la ĵus supre aluditaj aĵoj formas la novan A. E. U. (Apatia Esperantista Unuiĝo). Gloron!

*Kunlaboro kun la naciaj societoj.* — Niaj rilatoj kun ĉi tiuj estis viglaj, akurataj kaj plenaj je helpopreteco. Regule ni interŝanĝis kun ili ideojn ne koncernantajn la propagandon, nek ĝenerale Esperanton. Ni tre bone akordiĝis en ĉiuj punktoj. Ni disvastigis nian fame konatan recepton por pretigo de anaso kun pizoj kaj tiun rilate al arta sinkombo uzinda de personoj kun malpli ol dek kvar haroj.

*Tekniko.* — Nia valora amiko Pulbuŝel metis sian kompetentecon je nia dispono kaj afable liveris al ni insultvortaron kun ĉirkaŭ 800 esprimoj, unuj pli amindaj ol la aliaj.

*Starigo de esperantaj centroj en najbaridealaj asocioj.* — La cigaredrestaĵkolektantoj plendis, ja prave, ke modestaj kaj nekleraj homoj, kiaj ili, ne sukcesas trovi la devenon kaj originon de siaj trovaĵoj. Ni klopodos, ke Esperanta indiko sur la cigaredoj montru la serĉatan fonton.

*Ŝtatestraro.* — Al intima festo organizita okaze de nia jubilea 100-a paĝo ĉeestis la Ministro de la Naciaj Manifestacioj. Konfesinde estas, ke same li estus ĉeestinta, se piedpilka vilaĝeta grupeto estus petinta lin pri tio ; aŭ la asocio por asekuro de malbonŝancaj bilardludantoj, aŭ..., aŭ.... Tamen, li ĉeestis.

*Parlamento.* — Defendo de Esperanto. — Onidire, komitato de francaj deputitoj formiĝis por oficialigo de Esperanto. Tiuokaze — kaj spite de la efektiva danĝero de tiu neklarigebla iniciato — ni decidis ne defendi Esperanton kontraŭ tiuj ŝajne bonvolemaj homoj.

*Komerco.* — Niaj samideanoj komercistoj fabrikis multajn poemojn, el kiuj tri estas kompreneblaj kaj unu preskaŭ tolerebla.

*Literaturo.* — Niaj plej famaj poetoj kaj verkistoj fondis komercan entreprenon.

*Radio.* — Ĉar ne ĉiuj posedas la necesan maŝinon por aŭdi la bonan parolon, nia radiofako preferis aranĝi korespondajn kursojn. Sed la leterpapero mencias diklitere la vorton « radio ». Kompreneble !

*Turismo.* — Pere de nia organizaĵo ni entreprenis grandan vojaĝon — sur la mapo. Ni ricevis interalie prospekton pri la kurac-akvo kaj -loko de Netrinkutro-Daĝi.

*Gazetaro.* — Malgraŭ la aperigo de La Pirato, la eldoncifero de New-Herald, Pesti Hirlap, Pravda kaj Semaine de Suzette ne malaltiĝis eĉ je unu leganto.

Tio pruvas blindige klare, ke nova bona gazeto ne ĝenas la aliajn tiajn en ilia vivado.

*Financoj.* — Spite de la kompreneblaj supozoj kaj eblaĵoj, ni neniel influis sur la falon de la dolaro aŭ de la ĉeĥa krono.

*Interna administrado.* — 1°) La vic-direktoro de la supraĵaj aferoj de A. E. U. aĉetis novan pluvŝirmilon, el silko artefarita. Ja, dirus la malbonintencaj gesamideanoj, tio neniel rilatas kun la agado de La Pirato, nek kun la movado. Egale! Ni plezure enregistras tiun novan akiron por la pliriĉigo de nia jam ampleksa trezoro kaj aldonas, ke nenio, kio koncernas niajn eminentulojn, povas esti fremda al nia molkora interesiĝemo aŭ al nia bela afero.

2°) Depost niaj severaj admonoj, nia amikino Mafja ĉeestas niajn komplotajn kunvenojn nur kiam ŝi estas freŝe razita.

*Statistikoj.* —

| | ANTAŬ apero de La Pirato | POST apero de La Pirato |
|---|---|---|
| Samideanoj miopaj . . . . . . . . | 38.745 | 4.784 |
| » kalvaj. . . . . . . . . | 36.817 | 12 |
| » abstinaj. . . . . . . . | 12.795 | 5.419 |
| » obstinaj. . . . . . . . | 42.817 | 42.818 |

Bonvolu ne adicii la nombrojn por trovi sumon, kiu ĉiuokaze povas esti nur malĝusta. Memoru, samideano, ke niaj kolegoj povas sukcese esti samtempe miopaj, kalvaj, abstinaj, obstinaj, k. t. p.

*Konkludo.* — Konkludon pri nia agado ni ne faros, pro modesteco. Al la inteligentaj homoj ni forlasas tiun taskon.

PULBUŜEL.




FRANCA ESPERANTISTO (Aprilo). — « ...sur la kajoj troviĝas 234 levilegoj povantaj levi ĝis 250.000 kilogramoj, kaj 180 kilometrojn da fervojoj. »

*Levi 180 kilometrojn da fervojoj estas facila tasko por 234 levilegoj, sed nur kondiĉe, ke ili antaŭe formanĝis la vagonarojn.*

SAMLOKE (Majo). — « Multaj federaciaj bultenoj aperas, kies du plej gravaj kaj interesaj estas " Norda Gazeto ", " Paris-Esperanto " kaj la bulteno de " l'Amicale Espérantiste de Lyon". »

*El kio ni rajtas konkludi, ke 2 + 1 = 2 !*

ESPERANTO POR ĈIUJ (Marto). — El reklamo por poŝtkartoj montrantaj la tomban monumenton de D ro L.-L. Zamenhof :

« Ĝojigu la koron de via amiko sendante al li leteron sur tiu poŝtkarto. »

*Vi povas ĝojigi la koron de via amiko ankaŭ, kiam vi veturas aŭtomobile en vagonaro.*

HEROLDO (22 Aprilo). — « ...la unuan fojon aktiva ministro radio-paroladis en la lingvo internacia. Li parolis ne nur kelkajn ĝentilajn kaj cetere sensignifajn frazojn, sed li montris sin granda amiko de Esperanto. »

*Kiam oni estas ministro, estas eble saĝa taktiko diri nur sensignifajn frazojn, sed pri tiu fakto altiri la atenton de l' Esperantistaro, estas neĝentile.*

ESPERANTO (Aprilo). — El artikolo de nia eminenta gvidanto E. Privat :

« Fidele gardu tiun lampon. "Al ni la direkton ĝi montras". »

*Kiam inter citiloj oni citas citaĵon, estus rekomendinde almenaŭ respekti la originalon. Tiom pli, ke estas malfacile trovi rimvorton post* montras*!*

NIA GAZETO (Majo). — « Mi ne volas ekrakonti renkontiĝon antaŭ ol ne (?) eldiri veran admiron pri tiu bela palaceto el empira epoko, en kiu troviĝas la latva legacio. »

*Feliĉa legacio, kiu troviĝas en empira epoko, dum ni, mizeruloj, vivas en vampira epoko !*

LA SUDA STELO (Majo). — « De s-ano Trsar gvidita porkokomencanta kurso estis fermita la 12. IV. kaj montris sufiĉe kontentigan rezulton. »

*Ŝajnas al ni superflue fari tiajn porkokursojn. Tio signifas ĵeti perlojn al la porkoj.*

# Ĉe la Pariza Foiro

## LA KOMERCO AL KOMERCISTOJ KAJ NOVA NOVAĴO !

Ankaŭ tiun ĉi jaron la pariza foiro havis grandan sukceson. Sed pli speciale ni deziras paroli pri la granda progreso, kiun oni povis konstati ĉe la Esperanta stando.

Ĝis nun oni lasis la taskon organizi tiun gravan entreprenon al la iniciattalento de sentalentaj et-animuloj. Ĝis nun S-ro Dauphin, la tre vigla estro de la Centra Esperantista Librejo, konsideris la Esperantan standon ĉe la foiro kiel vendotablon. Tie li vendis ĉiufoire amason da flugfolioj preskaŭ senpage kaj diversajn lernolibrojn je la ridinda prezo de 6-12 fr., — kiel kvartala spicisto — por entute 2-3.000 mizeraj frankoj. Kompreneble tia propagando estis tro malvasta, ne sufiĉe larĝstila. Ni aspektis kiel almozuloj.

Feliĉe, ĉi tiun jaron, la fakasocio « Esperanto kaj Komerco » okupiĝis mem pri la afero kaj starigis la tutan butikon sur grandkomerca bazo. Kun logiko, apud kies blindiga lumo la suno mem povas silenti, la eminentaj komercfakuloj rezonis tre ĝuste : Ĉe la foiro oni vendas ĉiujare meznombre 400 lernolibrojn, kiuj ĝis nun produktis maksimume nur 3.000 fr., ĉar ilia prezo estis tro malalta. Sed atentu ! Anstataŭ tiuj krizprezaj libretoj ni vendos nun la lernolibron eldonitan de nia asocio. Ĝi kostas 160 fr. kaj ĉiu scias, ke 400 × 160 = 64.000 ! Jen rezultato inda je nia serioza entrepreno, jen cifero, antaŭ kiu eĉ UEA ne bezonus honti.

Tiel okazis, ke ĉi tiun jaron oni ne vidis S-ron Dauphin ĉe la foiro. Tial kelkaj — la eternaj grumblemuloj — pretendas, ke mankis unu atrakcio.

Sed tio ne estas ĉio.

La nova novaĵo, la granda surprizo, la sensacio de l' foiro estis la mirakla glu-pasto, kiun oni prezentis tie unuafoje al la Esperantista publiko kaj kiun ni mem, senpartie sed varme, rekomendas al ĉiuj kurs-arangantoj.

Ne estas sekreto, ke la plej malfacila parto de kurso estas... reteni la kursanojn ĝis la fina leciono. Lasta-tempe oni faris multe da bruo pri certagrada sukceso de iu Ĉe-metodo, tiel nomata, ĉar per ĝi la lernantoj restas *ĉe*, dum antaŭe ili restis *for*. Bedaŭrinde, tiu Ĉe-metodo estas ne nur multekosta, sed ĝi postulas de la instruisto ankaŭ efektivan talenton, efikan altir-forton, eĉ parolkapablon, ktp. Multe pli simpla estas la afero, se anstataŭ venigi Ĉe-instruiston vi aĉetas poton da tiu nova, fama pasto, kiu estas patentita sub la nomo « PASTO ĈE ». *) — Jen, per kelkaj vor-toj, pri kio temas :

Antaŭ malfermo de kurso vi surŝmiras la benkojn aŭ seĝojn per tiu pasto. Ĝi estas senodora kaj nevid-ebla. Sensuspekte viaj lernantoj sidiĝas kaj nun, dank' al tuja efiko de l' individua centra hejtado, la pasto fariĝas gluo. Ĝi sammomente ekkaptas ĉiujn sidpart-ojn de l' lernanto tiom firme, ke dum ses tagoj ĉi tiu ne povos formoviĝi. Vole-nevole ĉiu devas tie restadi, pace sidanta sur sia pastaĵo. Intertempe vi faras kaj finas vian kurson.

Tio estas la plej bona rimedo por garantii sukceson. Dank' al tiu « PASTO ĈE » vi estas certa, ke vi tenos viajn kursanojn ĝis la lasta leciono, dum vi mem restos sendependa de la Ĉe-Instituto. Unu granda poto kostas nur 25 fr. kaj sufiĉas por varbi 25-30 nov-ajn adeptojn.

Antaŭ ol meti la finan punkton sub tiun ĉi artikolon ni ekscias kun plezuro, ke la pariza foiro ĵus finiĝis. Finiĝis ankaŭ la bela revo de la komercaj organiz-antoj.

Sala Fumal.

---

*) ĈE = Ĉiam efika.

# LETERO EL ANGLUJO

Londono, en Majo 1934.

Al S-ro Yoshimi Hayashi, apotekisto
en Mie-ken, Japanujo.

Kara Amiko,



Banzai ! Banzai ! kaj Sonen Kurabu !

Jam de longe mi ne plu aŭdas de vi. Ĉu vi ankoraŭ vivas, aŭ ĉu vi hazarde (kaj erare) trinkis iun medikamenton el la provizo de via drogvendejo ?



Efektive, kiom bonŝanca vi estas ! Al tiu feliĉa infano, pri kiu vi tiom fieras (la fotografaĵo ne montras, ĉu filo aŭ filino !) vi povas doni drogojn je favoraj prezoj !



Estas rimarkinde, ĉu ne, ke post via vizito al Eŭropo multaj strangaj aferoj okazis sur tiu kontinento. En Germanujo okazis revolucio, en Skota lago ekaperis monstrobesto, en Parizo kaperis LA PIRATO, kaj tra la tuta kontinento okazis krizo ! Ĉu vi respondecas ?



Por venki la krizon ni ŝparas monon, kaj tiucele kelkaj Eŭropanoj portadas malhelajn ĉemizojn — en Italujo nigrajn, en Germanujo brunajn kaj en Rusujo ruĝajn. Ni Angloj, tamen, ankoraŭ fieras (je komenco de ĉiu semajno) pri niaj blankaj ĉemizoj.

Alia metodo venki la krizon estas (laŭ la politikistoj) malŝpare *elspezi* monon... kaj mi nun serĉas bonan amikon, kiu konsentos pagi abonon al LA PIRATO — por mi.

Vi, do, nun komprenas la du ĉefajn metodojn renversi la ekonomian krizon, t. e. :

1) ŝpari monon kaj
2) elspezi monon.




Kaj vi! Sendube vi estas riĉulo. Kiel mi scias? Nu — la japanaj laboristoj nun ricevas pli altajn salajrojn; sekve, ili manĝas pli da rizo; sekve, ili suferas pro stomakdoloroj; sekve, ili aĉetas pli da drogoj, kaj finsekve, *vi* pliriĉiĝas!

Do memoru viajn amikojn, inter kiuj estas

Via

W. A. G.

N. B. — Hieraŭ mi kaptis du neologismojn. Ĉu mi sendu ilin al la J. E. A. muzeo?

---

**MALBONAJ KLIENTOJ!**




Ĉi tie, sinjoroj, mi prezentas al vi bonegajn kombilojn je prezo plej malalta. Profitu la okazon...



Ho ve!

# La Viena Konferenco

Ankoraŭ ok tagojn antaŭ la emocia malfermo de l' Viena konferenco (ni ne komprenas, kial germanaj amikoj ortografias « Kohnferenco » !) — la sukceso ne aspektis kiel triumfo. Kulpaj pri nesufiĉa partopreno estis ĉefe tiuj individuoj, firmoj kaj kompanioj, kiuj preferis dum la Pentekostaj tagoj ĉeesti nacian kongreson, aŭ private sin paŝti tra la verda kamparo, aŭ ŝpari por la Stockholma ekskurso. Oni vidis tie multajn famajn entreprenojn, kiuj ne ĉeestis, kaj ni povas citi inter ili :

La germanan ministerion de eksterlanda propagando, kiu tamen estus povinta multon lerni de niaj propagandmetodoj, — la belgan societon Piccard & K-io, kiu tamen estus povinta lerni, kiel multaj Esperantistoj konstruas pacurbojn en la stratosfero, — la nederlandan sindikaton de tulipkolorigistoj, la internacian ligon kontraŭ la harperdo kaj multajn aliajn.

Plua garantio de brila malsukceso estis la fakto, ke la organizantoj tute forgesis inviti nian gvidanton Privat, tiel, ke pro manko de kompetentulo eĉ la kutima parolado pri la peda-kaj-gogia valoro de Esperanto ne povis okazi.

Fine, granda eraro, kiu ofendis la sentojn de ĉiuj sinceraj Esperantistoj, estis la devizo, sub kies ombro oni anoncis la konferencon : « Esperanto en la lernejojn ! » — Tia pretendo kompreneble malplaĉis al niaj fervoraj samideanoj, kiuj scias, ke Esperanto estas perfekta. Sekve, kial ĝin sendi en lernejon ? — Kion nia bela lingvo lernu tie ? Ĉu ĝi perfektiĝu ? — Feliĉe, la organizantoj ekkonis mem sian mispaŝon kaj ĝustatempe ŝanĝis sian programon. Anstataŭ « Esperanto en la lernejojn ! » ili alprenis novan devizon : « Esperantistoj en la lernejojn ! » Tio estis genia ideo, kiu savis la konferencon. Nun alfluis la aliĝoj povagone kaj alflugis poŝipe.

Entuziasme la konferencanoj deziresprimis, ke niaj verkistoj pasigu almenaŭ kelkajn jarojn en kuirlernejo (dum tiu tempo nia literaturo povos eble resaniĝi), — ke niaj administrantoj studu dum almenaŭ ses monatoj en elementa mastrumadlernejo, — ke ĉiuj eventualaj kongresanoj iru al danclernejo. Plue la konferencanoj metis infanvartejon je dispono de nia Akademio kaj senkompate kondukis mem la organizantojn de la konferenco en la plej proksiman lernejon. Nun ĉio rajtigas nin kredi, ke post kelka tempo Esperanto povos progresi.

Jules Laribois.






## ĤINA RAKONTETO

Kial ĥina? Ĉu mi scias? Ĝi samsukcese povus esti nomata japana, turka, k. t. p.

Ĝi estis en Ĥinujo. La ĥina kampulo Sun-Jan-Sen veturas je foiro en urbeton situantan je kelkaj tagoj de la vilaĝo. Li adiaŭas sian edzinon:

— Adiaŭ, flor' de mia vivo. Kion mi alportu de la foiro?

— Alportu al mi ion ajn kaj vi ĝojigos mian koron.

— Bone! Do ĝis revido!

— Ĝis!

Sun-Jan-Sen ekveturas kaj post kelkaj tagoj alvenas en tiun urbeton. Li estas tre multe okupita. Kiam ĉio estis finita, li ekmemoris pri la promesitaĵo al la edzino. Li do iras magazenon kaj diras:

— Mi promesis al mia edzino memoraĵon pri la urbo. Mi volus aĉeti por ŝi ion tre belan.

— Eble spegulon?

— Estu spegulo, mia edzino neniam havis spegulon.

La ĥino aĉetas spegulon kaj reveturas hejmen. Renkonte eliras lia edzino.

— Bonvenu, karulo. Ĉu vi alportis ion por mi?

Sun-Jan-Sen donas al la edzino pakaĵon. Kun tremantaj pro malpacienco manoj, la virino deŝiras la pak-paperon. Ĝis nun ŝi neniam vidis spegulon. Ŝi rimarkas en la spegulo vizaĝon kaj diras maldolĉe:

— Mia edzo aĉetis en la urbo alian virinon.

Kaj ŝi eksplodis per ploro. Ŝia patrino, aŭdinte la plorojn de sia infano, enkuris maltrankvila.

— Panjo, panjo, alproksimiĝu, vidu, mia edzo venigis alian virinon hejmen.

La patrino prenas la spegulon, enrigardas kaj diras:

— Kial tio vin ĉagrenas, mia infano? Tio ja estas virino maljuna kaj malbela.

E. W. (Varsovio).

# KAJ ALIAJ EWAĴOJ

**Kion ili bezonas por esti feliĉaj.**

Hispano — bovbatalon.
Ruso — brandeton.
Franco — junan fraŭlinon.
Germano — praavinon arianan.

**Kie ili volus kuŝi...**

— Mi, post la morto, volus kuŝi nepre apud Karlo Marx, diras flame socialisto.

— Kaj mi, apud Napoleono, diras Bonapartisto.

— Kaj mi, diras hebreo, apud Jozefino Baker.

— Ĉu vi freneziĝis? eksaltis la ceteraj societanoj, ŝi ja vivas ankoraŭ!

— Kaj mi, respondas la hebreo ridete, ĉu mi jam mortis?

**Renkontiĝas du hebreoj...**

— Bonan tagon. Kio nova?

— Ne grava. Mi edziĝis, ricevis doton, malfermis magazenon...

— Tion vi nomas ne grava? Kontraŭe, estas ja tre bone...

— Nu, bone, sed ne tre...

— Kial?

— Kontraŭ mia magazeno loĝas barono, kiu amindumas kun mia edzino...

— Hm, malbone...

— Malbone, sed ne tre.

— ???

— La edzino de la barono, juna kaj belega virino, amindumas kun mi...

— Do, jen bone...

— Bone, sed ne tre...

— Nun mi jam ne komprenas. Kial malbone?

— Ĉar mi al la barono liveras arianajn idojn kaj li al mi hebreidojn.

---

**EN LERNEJO**

INSTRUISTO : Friĉjo, ĉu vi konas la ĉefajn ekipaĵojn de soldato?
FRIĈJO : Soldato bezonas botetojn, dorssaketon, pafileton...
INSTRUISTO : Forlasu do tiun tedan « eton »! Estas ridinde.
FRIĈJO : *(daŭrigas)* ...trumpon kaj bajonon.




**Oni perdis...** — Lastan februaron S-ro Warnier demetis sian prezidantecon ĉe la Pariza Grupo. Tamen dum la postaj grupkunvenoj li ankoraŭ ĉeestis kelkfoje, se ne kiel prezidanto, almenaŭ kiel ordinara kliento. Sed jen! Jam de kelkaj semajnoj oni ne plu vidas lin. La parizaj Esperantistoj maltrankviliĝis. Ne senkaŭze. Estas multaj eminentaj personoj, kiuj malaperis lastatempe en Francujo. Ekzemple en Dijon...

**Kaj retrovis...** — Ne ekscitîĝu. Ĵus oni diris al ni, ke S-ro Warnier nun multe vojaĝas. Li pasigas tutajn tagojn en ekspresvagonaroj. Nun nia eksprezidanto estas ekspressidanto.

**Etimologio...** — La franca nacia kongreso okazis dum Pentekosto ĉe mar-Bordeaux. Tie stariĝis, post la festmanĝo kaj ekster la tagordo, grava demando. Iu scivolema sinjorino (kompreneble!) deziris scii, kiel oni nomas en Esperanto la loĝantojn de Bordeaux. Oni hezitis inter du akcepteblaj solvoj. La unua estis Bordeaux'anoj. Kontraŭ la dua, la Bordeaux'anoj protestis.

**Simpla konstato.** — Nunsezone, pli ol kutime, oni parolas pri la Esperanto-domo en Arnhem. Ĝi fariĝas la celo de laŭmodaj ekskursoj. Ĝis nun kaj ĝenerale la publiko havis pri tiu ĥejmo malĝustan opinion: Severmora instituto, preskaŭ-monaĥejo, ermit-kaverno, ktp. Kia eraro! — Unu el niaj amikoj, kiu ĵus revenis el tiu Esperanta Eldorado, asertas, ke oni trovas en... « *Arnhemo* » ĉiujn elementojn necesajn por fari... « *Haremon* »! Kontrolu mem.

**Diagnozoj...** — Okaze de la Paska konferenco en Ĝenevo, kelkaj naciaj reprezentantoj alvenis kun grandaj termometroj. Ili deziris ekkoni la temperaturon de nia nova UEA. Iliaj konkludoj bedaŭrinde ne estis publikigataj, — sed laŭ ĝenerala onidiro, la nova asocio estas pli papera ol efektiva. Papero?... Aŭ paparo?

**Iom da ĥirurgio...** — Oni multe (kiel ĉiam) diskutis dum tiu kunsido. Ni povas eĉ aserti, ke tute ne estis mallarmiga konferenco. Male. — La unua viktimo estos verŝajne S-ro Privat, kiu baldaŭ definitive pravigos sian nomon. Ĉar oni nun tre dubas pri lia reelekto en la estraron. Certaj aludoj sufiĉe klare montris la situacion. Tiam iu partoprenanto, iom tragedie kaj kun aŭdebla emocio, deklaris solene: « Terure! Ni estos kiel korpo sen papo. » — Tuj komprenint e la strangecon de tiu bilda esprimo, alia ĉeestanto afable intervenis: « Korpo sen papo! aŭ proksimume.... »

☆

# Tok, sur la fingrojn!

En nia lasta numero, nia amikino Mafja priskribis, je sia maniero, sub la titolo « L' Evento », la bedaŭrindan akcidenton, kiu trafis nian amikon G. Waringhien, sed tamen ŝi ne preterlasis la okazon uzi abomenan francaĵon: « Honora Seltz-akvo estas tuj poste servita... »

Evidente, ne la akvo estis servita, sed la gloraj ĉeestantoj. Mafja, kiel ĉiuj virinoj (ĉu ne?), ne ŝatas rekoni siajn kulpojn. Do, ŝi argumentadis, ke ŝi estas neniel kompetenta rilate al tiaj trinkaĵoj kaj tial ne povas scii iliajn gramatikan rolon aŭ formon en la sintaksa labirinto. Nia deĵoranta ŝipkuracisto metis provizore du kilogramojn da glacio sur ŝian kapon, sed li ankoraŭ ne povas definitive diagnozi, ĉu necesos, ke ŝi fariĝu kandidatino al la Lingva Komitato.

---

## Oficiala Invito al ĉiuj niaj geamikoj kaj al la ge- de niaj geamikoj

**Festmanĝo kaj Petolvespero de l' Piratoj**
**okazos la 16-an de Junio nunjara**
**Restoracio Voltaire, 1, Place de l'Odéon, Parizo**

**DEFINITIVA TAGORDO**

Depost la 6-a p. m.: Amikiga aperitivo (partopreno laŭvola).
Je la 8-a p. m.: Reciproka sinnutrado (partopreno deviga).

**Furaĝlisto:**

Supo tikle velura kaj arome bongusta
Fiŝo de l' antaŭtago kun saŭco barbara
Tuta femuro de l' ŝafo kun pizoj, terpomoj
Junie virga salato
Pirata glaciaĵo
Kukoj
kaj la Vinoj, vinetoj, vinagroj...

**Prezo: 22,— fr. inkl. de trinkmono.**

Je la 10-a p. m.: Gaja vespero « kiel antaŭ dek jaroj! »

Venu ĉiuj, la ŝipo ŝanceliĝos! — Frakuloj estos tolerataj, nur se ili antaŭpagis brukorkan botelon. La sinjorinoj kaj fraŭlinoj estas energie petataj surmeti siajn plej belajn tualetojn. Ni ne difektos ilin. Nek unujn, nek la aliajn.

Se vi intencas partopreni, sciigu tion baldaŭ (plej malfrue la 13-an de Junio) al J. Solsona, 9, rue Hallé, Paris-14e.

ĜIS BALDAŬ!

---

*Le Gérant:* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo:* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro: S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo:* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro: Kr. 20,—.

*Germanujo:* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto: Berlin 293 18. — Unu jaro: RM 2,10.

*Granda Britujo:* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo:* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro: Pesetoj 6,—.

*Italujo:* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro: Lit. 12,50.

*Japanujo:* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro: 3,50 jenoj.

*Nederlando:* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto: 230 505. — Unu jaro: Guld. 1,25.

*Polujo:* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo:* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro: Kr. 3,75.



**Kuŝ nia junia numero**
**ĉiu abonanto ricevos aldone**
**la amuzan LUDON DE L'PIRATOJ!**